# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
*psviana@terra.com.br*

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Marto n-ro 3/2008

## LUCAS YASSUMURA INTERVJUITA

Esperantoinformado per radio/gazetoj estas efika, malmultekosta (fakte foje senpaga) kaj bedaŭrinde ankoraŭ malmulte uzada rimedo en Brazilo. Vidu la ekzemplon de la aktiva esperantisto Lucas Yassumura, kiu de longe spertas pri radio kaj komunikado. Li estis intervjuita de ĵurnalo, en sia urbo Jundiaí/SP. La materialon legu per:
*http://www.portaljj.com.br/interna.asp?Int_IDSecao=1&int_id=42563*
*http://www.portaljj.com.br/interna.asp?int_id=42564*
Proponu ankaŭ vi ion similan al la radistacio/gazeto de via urbo aŭ kvartalo. Se vi bezonas konsilojn de spertulo, tiam kontaktu lin: *ylucas@gmail.com*

## BKE EN FORTALEZA: ĈU VI ESTAS PRETA?

El Fortaleza ni ricevis la jenan mesaĝon de Roberto, de la Loka Komitato: "La temo de la 43-a Kongreso estas *'Infano – kia grundo'*, kaj ni deziras, ke la temo estu fakte la fokuso por la movado. Konkludojn oni prezentu, sekve de la diskutoj; dokumenton oni proponu fine de la kongreso, kun proponoj por agado, al ĉiuj Esperantistoj. Tiel devus esti fine de ĉiuj kongresoj.En la sekvonta kongreso, oni taksu la atingitajn celojn, laŭ kontinua ĉeno."
Ĉu vi estas pretaj? Fortaleza atendas nin por serioza partopreno!

## BELETRA KONKURSO 2008

De Carlos Maria, Sekretario de la Centra Oficejo de BEL en Brasília, ni ricevis la jenan, atentindan mesaĝon, nome de la tuta Estraro: "Estimataj Gesamideanoj: Kun plezuro la estraro de BEL anoncas sian Beletran Konkurson, inspirite de la Belartaj Konkursoj de UEA, en kiuj tamen ne ekzistas oportuno partopreni per tradukaĵoj. Rezulte, La Beletra Konkurso celas du punktojn: disvastigi portugallingvan beletron per Esperanto kaj stimuli la aperon de novaj talentoj en la arto de tradukado al Esperanto. La Beletra Konkurso de BEL havas du branĉojn: poezio kaj prozo, tradukitaj el la portugala lingvo. La gajnintoj ricevas siajn premiojn kaj normale legas aŭ legigas la premiitajn tradukojn dum aparta aranĝo de la samjara Brazila Esperanto-Kongreso, dediĉita al la Beletra Konkurso. Rajtas partopreni ĉiu esperantisto en ĉiu branĉo per po unu tradukaĵo. La limdato estas la 30-a de Aprilo, 2008. La dosierojn sendu al la Sekretario de la Konkurso, Carlos Maria, ĉe: *carlosmaria@terra.com.br*. Pliajn detalojn pri la regularo kaj preparado de la dosieroj vi trovos ĉi tie. La tekstoj elektitaj por la Konkurso de 2008 estas: "Ingratidão " (poezio), de Raul de Leoni; kaj "A Carteira "(prozo), de Machado de Assis. BEL-Estraro: *http://esperanto.org.br*"

## ENTREVISTA COM LUCAS YASSUMURA

O rádio e os jornais são eficientes recursos para informarmos sobre o Esperanto. Veja o exemplo do ativo Esperantista de Judiaí/SP, em recente entrevista à imprensa. Proponha algo semelhante em sua cidade. Se precisar de ajuda, escreva: *ylucas@gmail.com*

## CONGRESSO EM FORTALEZA: VOCÊ ESTÁ PRONTO?

Roberto, da Comissão Organizadora do próximo Congresso Brasileiro de Esperanto, em julho próximo, em Fortaleza, convoca a todos para um amplo debate e emissão de documento sobre o tema do evento: *"Crinça – que terreno"*. Você está pronto?

## CONCURSO DE LITERATURA 2008

Carlos Maria, Secretário Geral da Liga Brasileira de Esperanto, convida os Esperantistas de Língua Portuguesa a participar do Concurso de Tradução 2008. É oportunidade de divulgar a literatura brasileira e estimular novos talentos na importante tarefa de tradução para o Esperanto . Os trabalhos vencedores serão lidos no Congresso Brasileiro de Esperanto. Haverá dois desafios: em poesia, foi escolhido o poema "Ingratidão", de Raul de Leoni e em prosa o conto "A Carteira", de Machado de Assis. Envie seus textos até 30/04/2008 para: *carlosmaria@terra.com.br*

**BEL informas kore ankas al J. Tenório (SP) por la grafikaranĝo kaj al Conceição Rodrigues (SP) por la akurata ekspedo.**

MARÇO JÁ CHEGOU!
VOCÊ JÁ FEZ SUA ADESÃO À LIGA?

**Visite a página da BEL**
**www.esperanto.org.br**

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

*psviana@terra.com.br*

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Marto n-ro 3/2008


## JADER INSTRUOS EN MINAS – EMÍLIO CID AKTIVAS EN MONGAGUÁ / SP

La aktivaj Esperantistoj Emílio Cid (São Vicente/SP) kaj Jader R. Silva (Lavras/MG) informas: sub gvido de instruistino Eva Rossi, "Babilema Lerno-Grupo" ĉiudimanĉe (infanoj) kaj ĉiuĵaŭde (plenkreskuloj) praktikas nian lingvon en propra sidejo, en la urbo Mongaguá/SP; siavice, Jader en februaro prelegis en la urbo São João Del Rei/MG, kaj tie komencos kurson de Esperanto.
Kaj vi, kion vi intencas iniciati por nia movado?

## RENKONTO DE VALOJ

Ni ricevis korespondaĵon pri la 11-a Renkontiĝo de Esperanto de Valoj ("Aço" kaj "Rio Doce"), en la urbo Ipatinga/MG, fiksita por la 16-a de marto 2008. La temo: *"La old- kaj junuloj sin kongruas"*. Minas Gerais do elstaras pro la kvanto da regionaj renkontoj. Sekvinda ekzemplo!

## NÉIA LÚCIA SERIOZE LABORAS

Nuntempe, la altvalora biblioteko de BEL trapasas fundan rearanĝon, kun la celo pli efike kaj facile servi la membrojn. Jen ni ricevis mesaĝon de Bibliotekistino de BEL: *"Karaj estraranoj, Mi informas ke hieraŭ, la 21an de februaro 2008, ni komencis la translokadon de BEL-Biblioteko el la ĉambro 306 al la ĉambroj 307 kaj 308. La transporton de la libro-kolekto ni faros po parte por ne malaranĝi ĉion. Amike salutas, Néia Lúcia."*
Se vi deziras pli detalajn informojn, skribu al la Centra Oficejo.

## EN UBÁ / MG, SURSTRATA MANIFESTACIO

Tre interesan surstratan manifestacion faris la geesperantistoj en Ubá/MG, por atentigi pri la *"Tago de Gepatra Lingvo"*. La filmon pri la evento vi povas vidi per: *http://br.video.yahoo.com/video/play?vid=2050512*
*http://br.video.yahoo.com/video/play?vid=2050390*

## ŜTATA RENKONTO EN "TRÊS RIOS" / RJ

El Rio, ni ricevis la konfirmon pri grava Ŝtata Renkonto, je la 17-a kaj 18-a de majo 2008. Por ne dividi la publikon, oni konsideros la eblecon, ke la Renkonto de la Paraíba Valo okazu kune. La Prezidanton de BEL, José Passini, oni invitis prelegi. Dum la evento oni diskutos proponon por restrukturigo de la movado en la ŝtato. Petu detalojn de *marcio140471@oi.com.br* kaj *drakoluiz@yahoo.com.br*

**Marto jam rapidas!**
**Ĉu vi jam realiĝis al BEL por 2008?**

### JADER EM MINAS, EMÍLIO CID EM SÃO PAULO

Esses ativos Esperantistas anunciam cursos em Mongaguá/SP (Profª Eva Rossi, em sede própria) e S. João Del Rei/MG (palestra seguida de curso básico).

### ENCONTRO DOS VALES

Anunciado para 16/03/2008 o 11° Encontro de Esperanto dos Vales (do Aço e do Rio Doce), em Ipatinga/MG. Tema: integração entre as gerações. Minas Gerais, assim, se destaca em encontros regionais.

### NÉIA LÚCIA TRABALHA SÉRIO

A competente Bibliotecária da Liga Brasileira de Esperanto comunica bom andamento da reorganização que promove na Biblioteca da entidade. O Departamento agora ocupará duas novas salas, com reestruturação para melhor servir aos sócios. Para mais informações, escreva ao Escritório Central, em Brasília.

### UBÁ/MG FAZ MANIFESTAÇÃO

A propósito do "Dia da Língua Materna", Esperantistas realizaram interessante manifestação de rua, em favor do Esperanto. Veja o filme.

### ENCONTRO ESTADUAL EM TRÊS RIOS/RJ

Programado para 17 e 18/05/2008, possivelmente junto com o Encontro do Vale do Paraíba, com presença do Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, Prof. José Passini. Planeja-se discutir a reestruturação do movimento estadual. Participe!


**BEL informas** *agradece a J. Tenório (arranjo gráfico) e Conceição Rodrigues (expedição).*